AE176

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 02/08/2014 Cent sepdek sesa eldono 02/08/2014** SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**

SENDATA AL 275 La informa kaj nomaj paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** ABC malnova

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

### Beboj ekzercas paroladon tre frue Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu



Gepatroj reagas ravite kiam ilia infaneto elbuŝigas sian unuan vorton. Por tiu momento la etuloj ekzercas dum longa tempo. Tion nun malkovris usonaj esploristoj. Ili ankaŭ diras kio helpas al infanetoj ĉe la disvolviĝo de la parolkapablo.

Ekde la fino de la unua vivojaro infanetoj komencas percepti lingvon same kiel plenkreskuloj. Ilia cerbo tiam reagas alie al konataj sonoj de la gepatra lingvo ol al sonoj de fremda lingvo. Precipe sociaj interagoj kaj la akcentite malrapida kaj klara parolado helpas al la beboj lerni la paroladon - kaj tion jam longtempe antaŭ ol ili elbuŝigas siajn unuajn vortojn.

Esploristoj de la universitato Washington en Seattle registris ĉe infanetoj en la aĝo de 7 ĝis 12 monatoj la aktivecon de diversaj cerbaj areoj, dum la etuloj aŭdis konatajn kaj nekonatajn sonojn, ekzemple "da" aŭ "ta". La cerboskanilo en tiu kazo troviĝis simile al malnova harsekiga kasko super la kapo de la infanetoj.

En la aĝo de 7 monatoj reagis al la prezentitaj sonoj kaj la poraŭdaj areoj de la cerbo kiuj kompetentas pri la prilaborado de lingvo, kaj la pormovaj areoj de la cerbo. La aktiveco de la pormovaj areoj indikas ke la infanoj ekzercas en sia imago kiel eblas formi certajn vortojn. Diferenco inter sonoj de la gepatra lingvo kaj de fremda lingvo ne estis ekkonebla en la aktiveco de la analizitaj areoj.

Tio ŝanĝiĝis en la aĝo de 11 ĝis 12 monatoj. Tiam la poraŭdaj areoj reagis pli forte al la gepatra lingvo ol al fremda lingvo. Aliflanke la pormovaj areoj montris ĉe la aŭdado de fremdaj sonoj pli grandan aktivecon. Tio igis la esploristojn konjekti ke estas por la infanetoj pli streĉe imagi la movojn kiuj povus generi tiujn sonojn. La cerbo de plenkreskuloj same reagas al fremdaj lingvoj.

"Ke ni trovis aktivigon de la pormovaj areoj de la cerbo kiam la infanetoj nur aŭskultas, tio estas grava, ĉar tio signifas ke

la cerbo de la beboj jam tute je la komenco ekzercas respondi", diras la esplorestrino. Verŝajne jam la cerbo de sep monatojn aĝaj infanetoj provas eltrovi per kiuj movoj de la buŝo kaj de la lango tiaj sonoj estas genereblaj.
La studaĵo ankaŭ indikas pri tio ke troige klara parolado helpas al infanetoj imiti la aŭditaĵon. "Gepatra parolado estas tre troigita, kaj kiam infanetoj aŭdas ĝin, iliaj cerboj supozeble pli facile kapablas modeligi la movojn kiuj necesas por la parolado", diras la esplorestrino.

# Pasintaj numeroj de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'

Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

CRI online http://esperanto.cri.cn/ Bona Esperanto Bonaj Programoj

# EsperantoTV

http://www.esperantotv.net/

## 30. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO. La t.n. Participoj. Ĉ.



Ni vidis, ke la adjektivaj participaj finaĵoj ne indikas la tempon de la stato de la Substantivo, sed nur ke tiu Substantivo ne plu estas malsata, ĉar manĝinta, aŭ ankoraŭ estas malsata, ĉar manĝonta, aŭ estas en la procedo fariĝi sata, ĉar manĝanta. Se la Substantivo ne faras la manĝadon sed subiras, ricevas, la manĝadon, ekzemple kiel la manĝitaj, manĝotaj, kaj manĝataj terpompecoj, la ago nomiĝas Pasivvoĉa. Tiel la manĝita kuko jam estas en la stomako de la knabo, kaj li do sentas sin kontenta, kiam tio okazis, aŭ en la pasinteco, aŭ en la estanteco, aŭ en la estonteco. Simile tiel la manĝota kuko ankoraŭ ne estas en la stomako de la knabo, do lia stomako petas nutraĵon, nun, antaŭe, aŭ poste. Kaj simile tiel la manĝata kuko estas duonvoje, nun aŭ hieraŭ aŭ morgaŭ. La tempo de la manĝitado kaj de la manĝotado kaj de la manĝatado esprimiĝas en la Predikato, en la tempo de ties Verbo: kaj la manĝita kaj la manĝota kaj la manĝata kuko plaĉas kaj plaĉis kaj plaĉos kaj plaĉu kaj plaĉus kaj devas plaĉi al la knabo.
(sekvota) Marcel Leereveld.

# AEA kongreso 2-11 januaro 2015

http://aea.esperanto.org.au/congress

## Reklamu vian klubon per artikoloj en la novaĵletero !!

## Sperto en Esperantolando



Jen Irlandano rakontas pri sia unua sperto en Esperantolando.
http://robertnielsen21.wordpress.com/2014/07/22/a-week-in-esperanto-land/
Amike, Nicole

# Richard Delamore : Esperanto

Jen la oficiala filmeto de la prelego de Richard dum Sydney Ignite
https://www.youtube.com/watch?v=ZXmsO1MsWn8
Amike, Nicole




# Lingva Festivalo de Sidnejo 2014
## la 5-an de Julio 2014.

## Financoj de la Sidneja Lingva Festivalo 2014

Elspezoj pagitaj de la Esperanto-Federacio de NSK Aŭstralio
*Redfern Community Centre (RCC) ĉambroj - $502 *RCC asekuro - $75
*Profesia Sonisto $160 *Vojaĝkosto de artistoj - $110 *Reklamaj materialoj - $120
*Konkursa premio- $20 *Flugbiletoj por Trevor Steele - $290 **Tuto $1277**
Plus EFNSKaj manĝaj kaj trinkaĵaj kostoj por la ĉeestantoj kaj uzo de E.Domo
La EFNSKa Direktoro de Eventoj: Dmitry Lushnikov, aranĝis la tre sukcesan festivalon.



## Esperanto-Domo Sidnejo


Dmitry kai Pedro Abreu el Brazilo

Aferkunveno je 11atm. Poste amuzkunveno kun nudeloj, manĝetoj, kafo, teo, ktp. kaj bonaj amikoj.
Post la aferkunveno okazis ĝenerala diskuto pri kiel plibonigi la Esperanto-propagandon ĉe Lingvaj Festivaloj.
Oni deziris ke ĉiuj lingvoj estu traktitaj egale sed EFNSK sole pagis por la tri pasintaj Lingvaj Festivaloj, mi deziras pli da subteno al Esperanto dum tiaj festivaloj kiuj dependas de EFNSKa mono.
Poste ni festis la Esperanto-tagon la 27an de julio. Venis 16.
Klasoj estis instruataj de Dmitry, Richard, kaj Jo. Tre bona interesa kunveno.



Bob Bain legis dum Richard instruis



Volo kaj Marina ĉe tiu klaso




## Estas senpaga donaco

**Kvankam ĝi estas bona lernlibro**
**LA CELO ESTAS PROPAGANDILO.**
**Same kiel Grandbutikaj broŝuroj.**

**Kiel eblas disvastigi la libreton ?**
**Kiel eblas disvastigi Esperanton ?**
**Ĉu vi povas/volas proponi alian agon por diskonigi Esperanton ?**
**Kian propagandilon aŭ praktikajn ideojn vi proponas? Skribu al AE.**



The world's most successful created language.

Logical • Easier • Fairer • Learnable

Because exceptions and irregularities do not exist, this booklet contains most of the Esperanto grammar.

The vocabulary consists of a comparatively small number of roots, which, with the addition of prefixes and suffixes enables a vast number of words to be formed.

AUSTRALIAN ESPERANTO ASSOCIATION
aea.esperanto.org.au
Esperanto House
143 Lawson St Redfern NSW 2016
www.worldlanguage.info/
(The Key 2014. Esperanto Domo, NSW, Australia)

2

**La libreto estas havebla ĉe Manly Esperanto-Klubo, Adelajda klubo Esperanto-Domo,**
**Vizitu Esperanto-Domon kaj portu sufiĉe da ekzempleroj al via klubo**
**EFNSK kontribuas por la presado, disvastigo.**

# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

Pasintaj kunvenoj 10/7/14? 20/7/14?






# Rusa interpretista konkurso




Enkadre de la aranĝo TEM-oj en Tihvin (Rusio, 12-19.07.2014) okazis Rusa Interpretista Konkurso el la rusa lingvo en Esperanton. Mikaelo Povorin iĝis la ĉampiono de Rusio, Georgij Kokolija okupis la duan lokon, kaj Svetlana Smetanina la trian. Ili ĉiuj estas el Moskvo kaj ricevis E-libropremiojn. Gratulante okaze de la 127-a naskiĝtago de Esperanto,
Vladimir MININ

# Esperanto por UN

Informilo (Julio 2014) de la UN-oficejo de Universala Esperanto-Asocio

(Legu ĝin en la reto: www.esperanto-un.org/informiloj)

## Artisto On Kawara, uzanto de Esperanto, mortis

La fame konata koncepta artisto On Kawara mortis lastatempe je la aĝo de 81.

Ni sentis nin honorataj en tio, ke li subtenis la UN-oficejon de UEA.

## UEA atentigis ĉe UN pri lingvaj rajtoj de indiĝenaj popoloj

Okazis en Ĝenevo la 7-a sesio de la Ekspertaj Mekanismoj pri la Rajtoj de Indiĝenaj Popoloj

Ĉu vi sciis ke la unua libro en Esperanto eldoniĝis en la 26a de julio, 1887?

Nun, vi povas festi la tagon de la Esperanto-libro per via subteno al senpaga lernado de Esperanto en la reto.

lernu.net dependas je viaj malavaraj donacoj por subteni senpagan Esperanto-lernadon en la reto. Viaj donacoj al nia sponsoro, ESF, povas subteni lernu.net, edukado.net, kaj aliajn valorajn projektojn.

Koran dankon por via helpo!

Vi povas donaci per:- Paypal (http://lernu.net/pri_lernu/subteno/donaco.php)

# AMO-seminario en Sidney, Kanado

Mi skribis raporton pri lastmonata UEA-seminario ("AMO 2") en Kanado por 'Aŭstraliaj Esperantistoj'. Jonathan Cooper



La 9an kaj 10an de julio 2014, trideko da aktivuloj el Kanado kaj Usono, plus vizitantoj el Ĉinio, Japanio kaj Tajvano, kaj mi el Aŭstralio, partoprenis dutagan seminarion por Aktivula Maturigo ("AMO-2") en marborda urbeto Sidney (Brita Kolumbio, Kanado). La seminario traktis la temon "Strategio kaj praktiko de Esperanto-informado en Nord-Ameriko", sub gvido de d-ro Mark Fettes, prezidanto de UEA.

En la programo estis pluraj prezentoj kaj diskutsesioj, kaj diversaj laborgrupoj pri specifaj temoj. Fine de la seminario naskiĝis kvar laborgrupoj, pri:

- evoluigo de teknikaj rimedoj
- utiligo de sociaj retoj
- respondado al tiklaj demandoj, kaj
- la enkadrigo de la informa laboro en la pli vastaj streboj al daŭripova evoluo.

Ĉiu grupo celas plukonstrui sur ideoj kaj diskutoj el la seminario por pretigi konkretajn konsilarojn kaj informrimedojn en la venontaj monatoj.

En prezento kiu malfermis la seminarion, Fettes atentigis, ke informado estas pli efika kiam ĝi tuŝas la sentojn kaj emociojn de la homoj. Kvankam oni ne neglektu raciajn argumentojn por Esperanto, pli prioritata estas la komunikado de kernaj valoroj – ekzemple, ke esperantistoj estas malfermitaj, inkluzivemaj, scivolemaj, kleriĝemaj, kaj kun alta sento de persona respondeco. Laŭ li, la informado pri Esperanto klare montru, ke esperantistoj estas multlingvaj, multspecaj homoj kiuj komprenas kaj ŝatas la homan diversecon.

En alia pensiga kontribuo, "Kiel paroli kun lingvoinstruistoj", Grant Goodall dementis kelkajn ŝatatajn mitojn de nia movado. Laŭ li, la nereguleco de etnaj lingvoj ne donas tiel grandajn problemojn por la lernado, kiel esperantistoj emas imagi. Kvankam usonaj lingvoinstruistoj dividas kelkajn el niaj kritikoj pri la troregado de la angla, multaj el ili vidas simile grandan problemon en la disvastiĝo de la hispana kiel "dua lingvo por ĉiuj" en usonaj lernejoj. Tiel necesas en kontaktoj kun lingvoinstruistoj emfazi nian konvinkon, ke ĉiuj lingvoj estas instruindaj kaj lernindaj.



Laborgrupo pri ĵurnalista intervjuado kondukis al plia laborgrupo pri la "plej tiklaj demandoj", kiujn oni devas foje respondi pri Esperanto. Paralele, estis laborgrupoj pri sociaj retoj kaj la kreado de aŭdvidaj inform-materialoj (videaĵoj k.a.).

Kelkajn el la ideoj de Fettes esploris kaj pluevoluigis plia laborgrupo. Dum diskuto pri kernaj valoroj, la grupo konstatis, ke necesus repripensi la aspekton kaj enhavon de la bazaj informiloj kaj retejoj de la nordamerikaj asocioj por pli bone komuniki tiujn valorojn al ĝenerala publiko. Ekzemple, oni povus kolekti mallongajn personajn atestojn kaj rakontojn pri la kleriga kaj interpersona valoro de Esperanto, de homoj el diversaj aĝoj, regionoj, etnecoj, ktp, por vive ilustri la buntecon kaj inkluzivecon de la movado.

Evidentiĝis ke ni ne scias sufiĉe pri la fonoj, motivoj, interesoj kaj kapabloj de tiuj, kiuj interesiĝas pri Esperanto. Tial naskiĝis projekto de enketo inter pluraj grupoj – membroj, informpetantoj, lernu-uzantoj, NASK-studentoj – por kolekti kaj analizi tiajn informojn. Kun subteno de la estraroj de Esperanto-USA kaj Kanada Esperanto-Asocio, kaj fakaj konsiloj de Ĵenja Amis (magistra studento pri merkatiko), malgranda teamo realigos tiun projekton en la venontaj monatoj. Se tio montriĝos utila, ĝi povus esti modelo por aliaj landaj asocioj, ekzemple la nia.

Estis diskutitaj multaj interesaj kaj uzindaj konsiloj. Mi esperas baldaŭ sekvigi ĉi tiun raporton per pli detalaj notoj, sed inter la konsiloj de la seminario estas la jenaj (pri kontakto kun ĵurnalistoj, en intervjuoj, komunikiloj kaj artikoloj):
- Trovu konkretan ankron aŭ hokon, ekz-e mencion aŭ citon de difinita persono, okazaĵo aŭ atingo.
- Evitu tro internajn terminojn, mallongigojn kaj esperantismojn (ekz-e "congress" kaj "Esperantist" – pli bonaj estus "conference" kaj "Esperanto speaker").
- Atentu lokan kulturon kaj interpretojn de difinitaj vortoj kaj konceptoj, kiel "international", "planned", "constructed", "artificial", "universal" kaj "neutral".
- Ne elpensu "faktojn" en intervjuoj. Se vi ne scias respondon, diru tion, kaj diru ion, kion vi efektive scias. Evidente, tamen, ju pli vi scias, des pli bone!

[Mi dankas d-ron Mark Fettes pro lia permeso uzi partojn de lia raporto kiel bazo de la mia.]

**Informu niajn legantojn pri novaĵo el via klubo Diskonatigu vian klubon en Aŭstralio kaj la mondo.**